# La Bulteneto

Numero 58 Julia Isbrücker-Jaro 2020

DULINGVA MAGAZINO ELDONATA EN VIENO

ZWEISPRACHIGES MAGAZIN AUS WIEN



# HoHo Wien

# HOLZHOCHHAUS WIEN

# LIGNA ALTA DOMO EN VIENO

# La Bulteneto

Numero 58 Julia Isbrücker-Jaro 2020

Aliaj numeroj kiel pdf: bitoteko bulteneto

Redaktejo - eldonejo - presejo:


Rudolfinergasse 8/11, 1190 Vieno, Aŭstrio, Eŭropa Unio



esperanto@chello.at


Unverkäufliche, private Ausgabe - Nevendebla, privata eldono




La oficiala nomo estas “HoHo Wien”

Sur la titolpaĝo:
La Ligna Alta Domo “HoHo Wien” en Vieno-Aspern, 22a distrikto.
Antaŭ la domo la metrohaltejo Seestadt.
© WK 2020 05 10

# HoHo Wien
# HOLZHOCHHAUS
# LIGNA ALTA DOMO EN VIENO




HoHo Wien post la finkonstruado.
Dekstre la metrohaltejo Seestadt (Lago-Urbo).

# SEESTADT

# Lago-Urbo

Seestadt [seŝtat] estas nova kvartalo de Vieno. Ĝi troviĝas oriente de Danubo, en Aspern, kiu estas parto de la 22a distrikto. Jam antaŭ la komenco de la konstruado oni plilongigis la metrolinion U2 en la kamparon, en kiu poste kreskis Seestadt. Per U2 oni bezonas nur 20 minutojn ĝis la urbocentro de Vieno. Krom U2 multaj buslinioj ebligas veturadon sen propra aŭto.

2020 Seestadt estas duone finkonstruita. Oni vidas novajn domojn, junajn arbojn sed apenaŭ veturilojn. Post kelkaj jaroj loĝos kaj laboros tie 20 mil homoj.



Susanne Schmida [ŝmida] - Strateto en Lago-Urbo Seestadt




Plano de Lago-Urbo Seestadt. Supre: Nordo.
Ĉirkaŭ la lago kondukas Ring-Strato.
Sube, griza: Loĝkvartaloj kaj HoHo Wien.
Norde, ruĝa: Urboparto kun vendejoj (konstruotaj).
Violkolora: Metrolinio U2. Bluaj areoj: Metio kaj industrio.
Tute sube, griza: OPEL-Aŭtofabriko, ne parto de Seestadt.

# Arkitekto Rüdiger Lainer

La plej alta objekto en Seestadt estas HoHo Wien - Ligna Alta Domo – konstruita de la arkitekto Rüdiger Lainer + partnero.



© RLP Rüdiger Lainer + Partner

Diplominĝeniero Rüdiger Lainer naskiĝis en Kaprun (Salzburg, Aŭstrio) kaj estas memstara arkitekto ekde 1985. En la jaro 1995 li iĝis universitata profesoro en la Akademio por Figuraj Artoj en Vieno, kie li prelegis ĝis 2006. 1991 ĝis 2009 li estis vica prezidanto de la Centra Asocio de la Arkitektoj de Aŭstrio kaj estrarano de Europan Österreich (Aŭstrio) de 2001 ĝis 2017. 2006 ĝis 2017 li estis prezidanto de faka konsilantaro por urboplanado en Vieno. Ekde 2019 li estas membro de Sounding Board Welterbe Wien.

La buroo Rüdiger Lainer + Partnero RLP fondiĝis 1985 kaj trovas solvojn por diversspecaj taskoj de la arkitekturo: De la renovigado de malnovaj domoj ĝis buroaj konstruaĵoj kaj altaj domoj. La tridek en Vieno realigitaj objektoj iĝis rapide partoj de la urba vivo danke al siaj malfermita strukturo kaj okulfrapaj formoj. Multaj premioj provas la internacian aprobon. RLP evoluigas arkitekturon kun

„aldona valoro”, tio signifas pli da lumo, pli da panoramo, pli da sentebla libera spaco atentante efikecon kaj daŭripovecon en ekonomia kaj estetika senco. „Aldona valoro“ signifas ankaŭ kunordigado de kompetencoj. La 25-kapa teamo de RLP provas daŭre siajn kompetencojn en siaj ĉefaj fakoj urbokonstruado kaj arkitekturo, ĝenerala planado kaj mastrumado de projektoj.

RLP, tradukita de WK

## Architektur ist Mehrwert

**Rüdiger Lainer**, geboren in Kaprun (Salzburg), ist seit 1985 freischaffender Architekt in Wien. 1995 Berufung als Professor für Architektur an die Akademie der bildenden Künste Wien, Lehrtätigkeit bis 2006. Mitglied des Grundstückbeirats in Wien (1999 -2002). RL war Vorsitzender der Gestaltungsbeiräte in Salzburg, Krems und Graz. Von 1991 bis 2009 Vizepräsident der Zentralvereinigung der Architekten Österreichs, Vorstandsmitglied von Europan Österreich von 2001 bis 2017. Von 2006 bis 2017 Vorsitzender des Fachbeirats für Stadtplanung und Stadtgestaltung in Wien. Mitglied Sounding Board Welterbe Wien seit 2019.

Das Büro **RLP Rüdiger Lainer + Partner** findet Lösungen für Bauaufgaben in sehr vielen Bereichen der Architektur. Das Spektrum reicht von der Althaussanierung über Bürobauten bis zu Hochhäusern. Die realisierten Gebäude sind dank ihrer offenen Strukturen und prägnanten Formen sehr rasch Teil des städtischen Lebens geworden. Seit der Gründung 1985 konnte das Architekturbüro mit Sitz in Wien über 30 Bauten verwirklichen. 2005 wurde das ZT-Einzelunternehmen in eine Architekten ZT GmbH umgewandelt. Zahlreiche Preise charakterisieren die internationale Anerkennung. Unter der Leitung von Arch. Univ. Prof. DI Rüdiger Lainer und Arch. DI Oliver Sterl entwickelt RLP eine Architektur mit Mehrwert - für Auftraggeber und Nutzer.

**Mehrwert** bedeutet dabei: mehr Licht, mehr Ausblick, mehr wahrnehmbarer Freiraum unter Einhaltung der Parameter von Effizienz und Nachhaltigkeit im wirtschaftlichen wie ästhetischen Sinn. Mehrwert bedeutet auch die Bündelung von Kompetenzen. Das Team mit derzeit 25 MitarbeiterInnen von RLP Rüdiger Lainer + Partner beweist ständig seine Fähigkeiten in den Kernbereichen Städtebau und Architektur. Parallel dazu ist es auch auf dem Gebiet der Bauabwicklung (Generalplanung, Projektmanagement u. a.) erfolgreich.

RLP

# Ligno en Aŭstrio

Aŭstrio estas riĉa je ligno. 48% de la areo estas kovrita de arbaroj. Tiu areo kreskas daŭre. En ĉiu sekundo kreskas unu kubmetro da ligno, dum unu jaro 30 milionoj da kubmetroj. 300 mil homoj en Aŭstrio vivas de la ligno-industrio.
En la aŭstriaj arbaroj kreskas 65 arbospecioj, ĉefe piceo (57%) kaj fago (12%). Pro sekeco, ŝtormego, damaĝinsektoj kaj fungoj estiĝas ĉiujare grandaj damaĝoj en la arbaroj. Tial oni transiras de picea unukultivo al pli stabilaj miksitaj arbaroj el pingloarboj kaj foliarboj. Ĝenerale kreskas la elcentaĵo de la foliarboj.
En la jaro 1998 ĉiu deka domo konstruiĝis el ligno, 2018 jam 23 %.
Ligno estas ankaŭ ideala brulmaterialo. En Aŭstrio 40 % de la domoj aŭ loĝejoj estas varmigataj per bruligado de ligno, tio estas malpli kosta ol hejtoleo aŭ tergaso.



Fraksena brulligno. Walter kaj Stefan Klag en ilia bieno Ebersburg en Stirio
© 2020 Irene Klag

# HoHo Wien

HoHo Wien estas la plej alta ligna domo en la mondo laŭ la nombro de la etaĝoj. La alteco estas 84 metroj, la nombro de la etaĝoj 24.
Unu metron pli alta estas ligna 18-etaĝa domo 100 km norde de la norvega ĉefurbo Oslo, sed nur danke al ligna skulptaĵo kaj anteno supre.
Ĉu domo el ligno povas bruli? Brulprotekta testo montris: Post 90 minuta fajro-efiko estiĝis karbigita tavolo nur 8,4 centimetrojn dika.
Por eviti brulkatastrofon HoHo Wien havas brulavertan instalaĵon, akvoŝprucilon en ĉiu ĉambro, du akvorezervujojn en la kelo kaj sufiĉe da brulrezistaj muroj. Fasado, ŝtuparejo kaj ŝaktoj estas el nebrulantaj materialoj.




© RLP Rüdiger Lainer + Partner




La tuta konstruaĵo konsistas je 74 elcentoj el ligno.
Sube troviĝas du kelo-etaĝoj kaj kiel fundamento servas la unu metron dika ŝtalbetonplato.
© RLP






Supre: Levado de paliso.
Sube: Muntado de finprodukta fasada komponanto.
© cetus.at+Thomas Lerch



Rigardo suden. Pro la vandoj el picea ligno estiĝas agrabla odoro.
La internaj vandoj estas moveblaj kaj ebligas utiligadon laŭ la deziroj de la luprenantoj.




La fasadaj elementoj estas antaŭe finfabrikitaj kun palisoj.
Ĉe la junto inter du elementoj la palisoj estas duonigitaj.

© RLP




④ Plafon-komponantoj. La finproduktitaj plafonkomponantoj estas rezistaj kontraŭ puŝo kaj ligitaj per mortezoj kaj klapeblaj feraj konstruelementoj.
③ Randaj traboj en forta ligo kun plafono kaj paliso supre de mulda spaco.
② Al fasada komponanto ligita paliso vertikale rezista kontraŭ tiro per engluitaj feraj konstruelementoj kaj muldado per glua mortero en kovranta tubo.
① Fasada elemento en sandviĉa strukturo.

# MISCHNUTZUNG

## DIVERSA UTILIGADO




9a ĝis 18a etaĝo: Hotelo
5a ĝis 9a etaĝo: Negoco
4a etaĝo: Beligo
3a etaĝo: Bonfarto
2a etaĝo: Sano
1a etaĝo: Bona korpa kondiĉo
Teretaĝo: Akceptejo de la hotelo, restoracio, bakejo

23a etaĝo: Tekniko
19a ĝis 22a etaĝo: Loĝejoj kun servo
10a etaĝo: Tekniko

1a ĝis 5a etaĝo: Negoco
Teretaĝo kaj 1a etaĝo: Meblovendejo

La suma brutta loĝ-areo estas 25 000 m² 




La 18-etaĝa ligna alta domo ĉe la bordo de la norvega lago Mjøsa,
finkonstruita 2019 de la buroo Voll Arkitekter en Trondheim.
La fasado konsistas el pina ligno. Je la supro ligna trabaro kaj anteno.

# Informoj kaj anoncoj



Floro de frago fotita de Irene Klag 2020

Beachten Sie bitte auch die folgenden Seiten

# Daten und Fakten

| | |
|---|---|
| 1887 | Das erste Esperanto-Lehrbuch erscheint |
| 1905 | 1. Esperanto-Weltkongress in Boulogne-sur-Mer (Frankreich) |
| 1908 | Gründung des Esperanto-Weltbundes UEA in der Schweiz: www.uea.org |
| 1912 | Die ersten Spesmilo-Münzen werden geprägt |
| 1922 | Erste Radiosendungen in Esperanto (Newark und London) |
| 1938 | Gründung des Esperanto-Jugendweltbundes TEJO: tejo.org |
| 1959 | Die ersten Stelo-Münzen werden geprägt |
| 1965 | 50. Esperanto-Weltkongress in Tokio, der erste Weltkongress in Asien |
| 1966 | Pasporta Servo erscheint erstmalig: www.pasportaservo.org<br>Heute 1800 esperantosprachige Gastgeber in über 100 Ländern |
| 1970 | Das Definitionswörterbuch Plena Ilustrita Vortaro wird herausgegeben:<br>kono.be/vivo oder vortaro.net |
| 1980 | Die Monatszeitschrift Monato erscheint erstmals: www.monato.net |
| 1986 | Erstmals ein Esperanto-Weltkongress in Beijing, China; neuerlich 2004. |
| 2001 | Chuck Smith (USA) gründet die esperantosprachige Vikipedio: eo.wikipedia.org |
| 2002 | Der Internet-Esperantokurs lernu startet: www.lernu.net<br>Mehr als 300 000 Anmeldungen bis 2020 |
| 2006 | Herzberg am Harz (Niedersachsen) wird offiziell Esperantostadt:<br>esperanto-urbo.de |
| 2008 | Erstmalig Esperanto-Prüfungen nach dem Gemeinsamen Europäischen<br>Referenzrahmen: www.edukado.net/ekzamenoj/ker |
| 2011 | Gründung von Muzaiko (Esperanto-Musik): www.muzaiko.info |
| 2012 | Google macht Esperanto-Übersetzungen |
| 2014 | Erstmals Esperanto-Fernsehen: Google > esperanto televido |
| 2015 | Duolingo – Neuer Esperantokurs für Englischsprachige,<br>danach auch für Spanisch- und Portugiesischsprachige:<br>www.duolingo.com Über 2 Millionen Anmeldungen bis 2020 |
| 2017 | 102. Esperanto-Weltkongress in Seoul (Südkorea) |
| 2018 | Die silberne 100-Steloj-Münze wird herausgegeben |
| 2019 | 75. Esperanto-Jugend-Weltkongress in der Slowakei |
| 2019 | 104. Esperanto-Weltkongress in Lahti (Finnland) |
| 2020 | 76. Esperanto-Jugend-Weltkongress in Someren (Niederlande) |
| 2020 | Zum Julia Isbrücker-Jahr erscheint eine silberne 50-Steloj-Münze |
| 2020 | eventa servo verzeichnet hunderte aktuelle Esperanto-Veranstaltungen |
| 2021 | 106. Esperanto-Weltkongress in Belfast (Nordirland) |
| 2021 | 77. Esperanto-Jugend-Weltkongress auf der Insel Jeju (Südkorea) |
| 2022 | 107. Esperanto-Weltkongress in Montreal (Kanada) |





# Leute finden, die Esperanto sprechen




**https://amikumu.com/eo**





tejo

**Diskonigu esperantajn eventojn tutmonde!**

Listo de internaciaj eventoj en 2020 →



Kartaro | Kalendaro | Mapo

Afriko 2 | Ameriko 166 | Azio 24 | Eŭropo 739 | Oceanio 21 | Reta 10

Internaciaj eventoj · Lokaj kunvenoj · Kursoj · Aliaj

Unutagaj · Plurtagaj




Okazas hodiaŭ · Proksimajn 7 tagojn · Proksimajn 30 tagojn · Estontece

**https://eventaservo.org**

# DIE SILBERMÜNZE-MEDAILLE
# 100 STELOJ
# EIN SPITZENPRODUKT DER MÜNZE ÖSTERREICH




**Anlass: 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018**

René de Saussure war ein Schweizer Sprachwissenschaftler und der Erfinder des universellen Geldes. Sein Bruder Ferdinand de Saussure war der Begründer der modernen Linguistik.

Limitierte Auflage: 1000 Stück, keine Nachprägungen. Durchmesser: 37 mm.
Oberfläche: Stempelglanz - PP. Lieferung in einer Kunststoffkapsel.
Masse: 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 Gramm). Zertifikat wird mitgeliefert.
Aus gesetzlichen Gründen ist die Silberpunze 925 aufgeprägt.
Herausgeber und Entwerfer: Mag. Walter Klag.
Künstlerische Feinarbeit: Mag. Helmut Andexlinger, Chefgraveur der Münze Österreich.
Hersteller: Münze Österreich, Wien 3., Am Heumarkt 1; muenzeoesterreich.at
Die Münze Österreich ist eine 100%ige Tochter der Österreichischen Nationalbank.

Preis 50 € plus Versandkosten (gilt für Euro-Länder).

Lieferung nach Vorauszahlung des Betrages. Bitte schreiben Sie die genaue Zustelladresse (gegebenenfalls auch die Wohnungsnummer) an esperanto@chello.at.

Mag. Walter Klag, 1190 Wien, Aŭstrio.

# La renaskiĝo de la Steloj

Antaŭ kvin jaroj kaj duono, dum FESTO 2012 en Métabief, Alexandre 'Alekĉjo' Raymond venis al mi kun freneza sed interesa ideo: eldoni Esperanto-monon. Tiutempe FESTO multe inovaciis, ĝi eldonis proprajn tasojn, ĉemizojn kaj pli. Dum la renkontiĝo grupo de homoj ĉirkaŭ tablo diskutis kiel aspektu la moneroj, kiom ili valoru kaj kiel ili funkciu.
Post la somero Alekĉjo kontaktis kun presejo de plastaj moneroj por taksi, kiom realigebla estas la ideo. La plano fine aspektis jena:

- Estu moneroj de 1, 3 kaj 10 Steloj. Tio ebligos rapidan pagadon de diversaj eblaj monsumoj.
- La moneroj estu malsamkoloraj kaj malsamgrandaj, por ebligi facilan kaj rapidan uzon.
- La koloroj estu ruĝa, flava kaj verda, kaj la simboloj gufo, papago kaj krokodilo.
- La valoro de unu Stelo egalu al la plej malgranda kutima elspezo en trinkejo aŭ gufujo, do unu taso da teo aŭ unu glaso da kolao.




La finaj desegnoj estis senditaj kaj 3000 moneroj estis presitaj en oktobro 2012. Bonŝance en la fino de oktobro okazis malgranda renkontiĝo, kiun mi kunorganizis: Klaĉ-Kunveno Post-Somera en Nederlando. Ĝi estis perfekta por testi la novan monsistemon. La publiko ŝatis la monerojn, kaj sukcesis adaptiĝi al ĝia uzado. Post KKPS la Itala Esperanto-Junularo iĝis kuninvestanto de la projekto. La originala valoro estis difinita kiel 4,2 Steloj en unu eŭro. Poste la valoro estas ligita al la inflacie kompensitaj valoroj de eŭro, realo kaj zloto kun pezoj de 76%, 20% kaj 4%. Do same kiel la antaŭa Stelo, tiu ĉi Stelo teorie tenos sian valoron. Ekde 2012 ĝis 2017 la valoro de unu eŭro en Steloj variis inter 4,040 kaj 4,581. La Steloj estas ĉefe uzataj en trinkejo de junularaj Esperanto-renkontiĝoj. Ili estas valida pagilo en KKPS 2012-2017, IJF 2013-2017, JES 2012 kaj 2017, SES kaj FESTO 2013 kaj IJK 2015. Krome ili uziĝis en kelkaj trajnkaravanoj kaj eblas mendi ilin poŝte ĉe Alekĉjo aŭ Roĉjo.
La avantaĝoj de Steloj en trinkejo estas la facila uzo, la malalta pezo relative al metalaj moneroj, kaj la fiero havi specialan Esperanto-monon. La ĉefa malavantaĝo estas la bezono interŝanĝi alian monon kontraŭ Steloj en la komenco de la renkontiĝo.La kvanto presita en 2012 devus sufiĉi por uzo en eĉ la plej grandaj junularaj renkontiĝoj. Se ilia uzo aŭ kolektado ekster la junulara movado ankaŭ kreskos, tiam dua presado estos pripensinda.

Rogier 'Roĉjo' Huurman

Bildoj: https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Bonvolu mendi la plastajn Stelojn ĉe rogier.huurman@gmail.com

# Julia Isbrücker-Jaro 2020

**Invito al kunlaboro**

2020 estas la 100a datreveno de la 12a Universala Kongreso en Hago (1920). Julia Isbrücker kunorganizis ĝin. La realigo de tiu kongreso pruvas, ke ankaŭ granda milito ne povas neniigi Esperanton. Julia kunfondis Internacian Esperanto-Instituton kaj Universalan Ligon kaj kuneldonis la metalajn Stelo-monerojn, kies nominaloj estas 1, 5, 10 kaj 25 Steloj.




Sur la monero Julia Isbrücker, desegnita de mag. Helmut Andexlinger,
la ĉefdezajnisto de Münze Österreich, 2020.

2020 aperis arĝenta 50-Stela monero por la honoro de Julia Isbrücker:
Maso 30 gramoj da arĝento 925/1000, diametro 40 mm, eldonkvanto 300.
Surfaco: Polurita („proof”).

Prezo 60 € plus sendokostoj (validas por Eŭro-landoj).




Bonvolu sendi al mi tekstojn kaj fotojn de kaj pri Julia. La kolektita materialo aperos kaj en la formo de vikipediaj artikoloj en diversaj lingvoj kaj kiel broŝuro. En la fina eldonaĵo via nomo estos menciita. Walter Klag, esperanto@chello.at.



# Esperanto-Bibliothek und Ausstellungsräume

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730    💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage**

Im selben Haus befinden sich auch die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**